# tempo

Gazeto de Kroata Esperanto-Ligo
Časopis Hrvatskog saveza za esperanto

decembro 2003



- Skulptisto Jesper Neergard ekspoziciis en Muzeo Mimara
- Esperanto forlasis la ejojn en Amruševa 5
- Verkisto Miro Gavran aperis per Esperanto en la persa traduko
- Verko "7000 tagoj en Siberio" de Karlo Štajner tradukita en la ĉinan
- La novaj ejoj en Vodnikova 9 renovigitaj per monhelpo de 50 membroj

# Karaj legantoj,

Alproksimiĝas la fino de la jaro 2003, kiu por kroataj esperantistoj estis tre signifa: printempe ni aĉetis nian novan ejon en Vodnikova 9. Maje okazis konkurso por lernantoj de elementaj lernejoj en Kostrena kaj ni festis 45 jarojn de SEK kaj 95 jarojn de Esperanto en Zagrebo dum fervojistoj-esperantistoj kongresis en Dresden. Plurloke gastis pianisto kaj intertempe diplomiĝinta juristo Andrej Korobejnikov. Junie ni ekskursis al Lonjsko polje. Julie ni amase partoprenis la Universalan Kongreson en Gotenburgo dank' al sindona laborego de la karavanestro Faruk Islamović kaj lia helpanto David Rey kiu kolektis sesdekon da kunvojaĝintoj. Aŭguste Esperanto-Domo en Kostrena gastigis nian junularan projekton "Mezeŭropo estas mia hejmo". Septembre urbestrino Vlasta Pavić kaj vicministro pri kulturo Biserka Cvjetičanin malfermis nian ekspozicion de dana skulptisto Jesper Neergaard en la prestiĝa zagreba Muzeo Mimara. Sur la titolpaĝa foto vi vidas la skulptaĵon de Neergaard "La voto" kiu ornamas niajn ejojn en Kneza Mislava ĉar donacita de la artisto al KEL. La unuaj vizitintoj al la skulptaĵo estis blindaj lernantoj el la zagreba lernejo "Vinko Bek" - la jaro 2003 estas la jaro de personoj kun handikapoj.

KEJA septembre organizis bone vizitatan Montkabanan Renkontiĝon en Tuk apud Mrkopalj. Osijek havis publikan prezenton de la libro "Esperantski mozaik" de Davor Klobučar. La plej granda evento okazis en Rijeka. Dank' al Boris Di Costanzo esperantistoj en Rijeka ricevis novajn ejojn ĉe la adreso en Blaža Polića 2. Elkorajn gratulojn!

Kroataj fizioterapeŭtistoj konatiĝis en oktobro pri Yumeiho-terapio, ĉar gastis japana masaĝisto Masayuki Saionji.

Oktobre zagrebaj esperantistoj post plurjara tribunala procezo perdis la rajton je la uzo de Amruševa 5. Ni elloĝigis nian arkivon kaj trovis multajn interesajn dokumentojn. Kroata Esperanto-Ligo en la ejoj disponigitaj de la urbo Zagrebo en Kneza Mislava 11 akceptis Esperanto-Societon "Bude Borjan", Studentan Esperanto-Klubon kaj Kroatan Esperanto-Junularan Asocion. La arkivoj kolektiĝintaj dum 56 jaroj kaj 6 monatoj en Amruševa nun troviĝas en Kneza Mislava dum la malpli gravaj eroj estas lokitaj en la kelo de nia posedaĵo en Vodnikova 9. La advokato Ranko Tomasović el Zamenhof-strato, kiu gvidis la tribunalan procezon dum jaroj, pagigis siajn kostojn je 1900 kunaoj. Kun danko ni notas lian sponsorecon.

Kroata komisiono pri UNESCO ĉe Ministerio de eksterlandaj aferoj de Respubliko Kroatio subtenis Universalan Esperanto-Asocion kiel kandidaton por la pacpremio de UNESCO, kiu portas la nomon de Félix Houphouët-Boigny. Ni atendas la rezultojn pri la ĉi-jaraj premioj.

Esperanto kiel ponto-lingvo havas en la lastaj monatoj siajn brilajn momentojn en Kroatio: en Teherano aperis en teatra revuo persa traduko de dramo de kroata verkisto Miro Gavran "La amoj de Georgo Washington". Tradukisto estas Achter Etemadi. Ŝi serĉas eldoniston por la persa traduko de "Mirindaj aventuroj de metilernanto Hlapić". En Ĉinio nia kunlaboranto Shi Chengtai traktas kun eldonejo pri eventuala aperigo de lia traduko de la verko "7000 tagoj en Siberio" de Karlo Štajner. En Tokio konata japana tradukisto Kurisu Kei laboras pri la japana traduko de la sama verko. En Japanio Sekoguchi Ken japanigis "Mirindajn aventurojn de metilernanto Hlapić". Niaj kunlaborantoj ne laciĝas.



Plurloke en Kroatio komenciĝis novaj Esperanto-kursoj. Bonvenon al komencantoj! Ni dev as montri al ili ke Esperanto estas mirinda fenomeno.

KEL dankas al Esperanto-Societo en Rijeka kiu ebligis presadon de tiu ĉi numero, kombinante "Tempon" kun la "Heliko" el Rijeka.

*S. Štimec*


## Tempo

Fondita en 1980. Ne aperis en militaj jaroj 1993 kaj 1994.
Aperas laŭeble kvarfoje jare - Jaro XXII, numero 2/2003
ISSN 0352-1583

**Redakcio:** Kneza Mislava 11/III,
HR-10000 Zagreb, Kroatio
**tel**: (385 1) 4617550, **fakso** (385 1) 4619373
**rete**: esperanto@zg.tel.hr
www.esperanto.hr
Tiu ĉi numero estas eldonita per helpo de Esperanto-Societo Rijeka
**Kontribuis**: Achter Etemadi, Nedeljko Korasić, Kurisu Kei, Davor Grgat, Zlatko Hinšt, Davor Klobučar, Vjekoslav Morankić, Vanja Radovanović, Shi Chengtai, Spomenka Štimec, Draško Toplak.
**Redaktoris:** Spomenka Štimec
**Grafike aranĝis:** Josip Pleadin
**Presis** Grafokom, Đurđevac, grafokom@kc.htnet.hr
**Anonctarifo** 1/1 paĝo 1000 kn (135 EUR) 1/2 paĝo 500 kn (68 EUR),
**Abono:** 4 numeroj jare 40 kn (9,5 EUR)
unuopa numero 10 kn (1,5 EUR)

***La redakcio ne respondecas pri la opinioj en la subskribitaj tekstoj.***

# OKAZE DE 95 JAROJ DE ESPERANTO EN ZAGREBO

Prezidento de Respubliko Kroatio sendis al la festo sian reprezentanton, d-ron Esad Prohić. Vicurbestro de la urbo Zagrebo direktis al esprantistoj telegraman saluton.



HP BRZOJAV

156/7414
zagreb 45/39 30 1553

hrvatski esperantski savez
kneza mislava 11
zagreb

BRZOJAV 1
Zagreb

u povodu proslave 95-te obljetnice postojanja i kvalitetnog rada zahvaljujem vam na svemu sto cinite na promociji naseg grada zagreba svim sudionicima 6. kongresa esperantista zelim plodonosan rad s postovanjem
milan bandic

col 11 95-te 6.

Sur la fotoj de Draško Toplak: la reprezentanto de la ŝtatestro d-ro Esad Prohić (malsupre) adresas al esperantistoj sian dankon pro la atingoj en la preskaŭ jarcenta historio de Esperanto en Zagrebo. Akademiano Dalibor Brozović konvinke parolis pri atingoj de Esperanto.

Pri rajto je lingvo prelegis juna gasto el Moskvo Andrej Korobejnikov. Tradukis Ankica Jagnjić (sur la foto kun Vida Jerman, kiu gvidis la programon).








# NI INSTRUAS EN 2003/2004

**Kursoj en elementaj lernejoj:**

1. Elementa lernejo "Mladost" Utrine, Zagreb
   Instruas: Marija Jerković

2. Elementa lernejo "Gustav Krklec", Zagreb
   Instruas: Ida Bogadi

3. Elementa lernejo Retkovec, Zagreb
   Instruas: Judita Rey Hudeček (kurso preparata)

4. Elementa lernejo Andrije Mohorovičića, Matulji
   Instruas: Emil Hrvatin

**Kursoj en gimnazio:**

1. Gimnazio Đurđevac
   Instruas: Zdravko Seleš

2. Kurso por gimnazianoj en KEL
   Instruas: David Rey kaj Darko Blažić

**Kurso en familio:**

1. Familio de Danijela Petelin, Rijeka
   Instruas: Boris Di Costanzo

**Kursoj en klubejoj:**

1. Esperanto-Societo Rijeka
   Instruas: Josipa Katunar

2. Esperanto-Societo "Bude Borjan"
   Kurso por komencantoj
   Instruas: Gordana Jurina

3. Esperanto.societo "Bude Borjan"
   Kurso por postkomencantoj
   Instruas: Josip Ferenčić

4. Studenta Esperanto-klubo
   Kurso por komencantoj
   Instruas: Sonja Kovač





## KROATA ILEI-SEKCIO

Dum la kunsido de instruistoj de la kroata ILEI-sekcio la 10-an de oktobro 2003 estis elektita la nova estraro de la kroata ILEI-sekcio. La prezidanto estas Marija Jerković kaj sekretario Emil Hrvatin. La ĝisnunaj gvidantoj Ankica Jagnjić kaj Ida Bogadi retiriĝis de la postenoj.

Sur la fotoj: Marija Jerković, respektive Emil Hrvatin.

*Sur la foto de Boris Di Costanzo "Pokalo Kostrena", la pokalo por kiu maje luktas lernantoj de elementaj lernejoj el Kroatio, montrante antaŭ ĵurianoj sian scion pri Esperanto.*



# NOVA EJO DE KROATA ESPERANTO-LIGO EN VODNIKOVA 9

En majo 2003 KEL tranprenis de la antaŭaj posedantoj Marija kaj Tonko Francesković la ejojn en Vodnikova 9. Ni tuj engaĝis diversajn specialistojn por renovigi la ejon, kiun ni bezonas ludoni por povi pagi la ĉiumonatan krediton, ricevitan de la banko Raiffeisen. La monata kredito estas 667 eŭrojn. Ni devas entute pagi 108 partopagojn. Ni sukcese pagis la unuajn 6 monatojn. Restas al ni ankoraŭ 102 partopagoj je 667 eŭroj. La banko Raiffeisen transprenis hipotekon je la loĝejo Vodinkova 9. Se ni ne sukcesos pagadi la krediton, la banko fariĝos posedanto de nia ejo.

Tre kore KEL dankas al ĉiuj membroj kaj amikoj kiuj subtenis la aĉeton kaj helpas repagojn al la banko. Ĝis nun subtenis la aĉeton 48 membroj kaj amikoj de KEL.



***Neniam oni povus aĉeti Vodnikova 9, se ne ekzistus la posedaĵo de Esperanto-Societo Rijeka kaj preteco per ĝi garantii okaze de la aĉeto de Vodnikova 9. Sur la foto de Vjekoslav Morankić, Boris Di Costanzo, prezidanto de Esperanto-Societo Rijeka kaj Marijan Matković, sekretario de Unuiĝo de skoltoj de Rijeka (maldekstre) subskribis la konrakton per kiu Esperanto-Societo Rijeka luis al Unuiĝo sian domon por fondi Skoltan restadejon Esperanto-Domo en Kostrena. La kontrakto kiu ekvalidis la 30-an de julio 2002 ebligis al Esperranto-Societo Rijeka gajni monate kunaan ekvivaltenton de 510 eŭroj.***

**Daŭrigo de la listo el la antaŭa numero:**

| | |
|---|---|
| 36. Đurđa Štokić | 7,00 eŭrojn |
| 37. Đuro Smeh | 7,00 eŭrojn |
| 38. Dan Đaković | 2,70 eŭrojn |
| 39. Blanka Pavlović | 27,00 eŭrojn |
| 40. Evica Luketić | 13,50 eŭrojn |
| 41. Sanja Težulati | 14,60 eŭrojn |
| 42. Zdravka Metz | 66,56 eŭrojn |
| 43. Ranka Mraković | 19,70 eŭrojn |
| 44. Davor Štimec | 19,70 eŭrojn |
| 45. aninima el V. Gorica | 13,50 eŭrojn |
| 46. Bojana Đuričić | 19,70 eŭrojn |
| 47. Anto Mlinar | 27,00 eŭrojn |
| 48. Mira Matanović-Manner | 405,40 eŭrojn |
| Entute pagis: | 1.311,05 eŭrojn |

Elkoran dankon al Mira Matanović-Manner kiu estas la plej granda sponsoro inter la membroj!

Ni renovigis la elektrajn instalaĵojn en kvar ejoj de Vodnikova, ni farbigis iliajn murojn kaj nove polurigis la pargetajn plankojn. La faritan laboron ni pagis 4.703 eŭrojn. Ni diskonigis per diversaj agentejoj ke ni serĉas luonton por la ejoj, sed ankoraŭ ni ne trovis tiun.

*S. Štimec*

# TRADUKANTOJ DE KROATA LITERATURO EL ESPERANTO EN AZIAJN LINGVOJN

Kroata literaturo per Esperanto atingis Ĉinion en la jaro 1936, kiam en Ŝanhajo aperis "Ano de l' ringludo" de Dinko Šimunović en la ĉina traduko de Su Fang Si. En la jaro 2003 ĉina tradukisto denove okupiĝas pri Esperanta traduko de la kroata literaturo, tradukante ĝin al la ĉina. Tradukisto Shi Chengtai tradukis en 2003, laŭ la iniciato de sia plumamiko Kurisu Kei "7000 tagoj en Siberio". Tiun imponan 600-paĝan verkon de Karlo Štajner pri la vivo en siberia kaptiteco verkis la aŭtoro en Zagrebo post la reveno el Siberio kaj dediĉis ĝin al sia edzino Sonja, kiu atendis lian revenon. La verkon esperantigis Krešimir Barković kaj eldonis Sennacieca Asocio Tutmonda en 1983. la verko post dudek jaroj atingis rekonon ricevinte OSIEK premion en 2002.

Kurisu Kei ektradukis la verkon en la japanan en 2003. Li tradukis el la Esperanta traduko de Krešimir Barković, ĉar por kompreni ĉiujn nuancojn li komencis mem lerni la kroatan laŭ pluraj lerniloj kiujn KEL laŭ lia mendo sendis al li. Ekzempleron de la libro "7000 tagoj en Siberio" li donacis al sia ĉina kolego Shi Chengtai. Ĉina kaj japana tradukistoj kune laboris super la sama traduko, ĉiu en sia lando, interŝanĝane reciprokajn demandojn kaj konsultiĝante per vigla korespondado inter Japanio, Ĉinio kaj Kroatio. Eble la unuan fojon en la historio de Esperanto unu sama verko estis samtempe tradukata en du lingvojn per Esperanto. Montriĝis ke la ĉina tradukisto laboris tre rapide kaj pretigis la ĉinan manuskripton.

Shi Chengtai en 2003 tradukis en la ĉinan ankaŭ "Mirindaj aventuroj de metilernanto Hlapić". Ni elkore gratulas al li pro la granda laboro farita.

Kroata Esperanto-Ligo kandidatas ĉe Ministerio pri kulturo por ricevi subvencion por eldono de "7000 tagoj en Siberio" en la ĉinan. Ni traktas per la tradukisto Shi Chengtai kun la eldonejo Tianjin-a Sociscienca Eldonejo por ke ĝi eldonu la verkon en 3000 ekzempleroj en 2004. Ni povus efektivigi la eldonaĵon se ni trovos 5000-dolaran subvencion por helpi al la ĉina eldonejo eldoni ĝin.

Dum ni esploras pri la diversaj eblecoj kiel eldoni la libron, ni komencas publikigi artikolojn pri la aziaj partneroj de KEL kiuj helpas al ni proksimigi la kroatan literaturon al Azio. Ni komencas la serion de prezentoj per Kurisu Kei, kiu iniciatis la ĉinigon de "7000 tagoj en Siberio".

Dum oni tradukis kroatan literaturon en Ĉinio kaj Japanio, ankaŭ en Irano oni tradukis kroatan literaturon per Esperanto kiel lingvoponto. En Teherano aperis la persa traduko de dramo de Miro Gavran "Amoj de Georgo Washington" en sezona revuo Az Namayesh (El Teatro) n-ro 2 (Tir Mah 1382) (somero 2003). La revuo apartenas al asocio de universitato de arto. la verkon tradukis Achtar Etemadi.

## KURISU KEI

Naskiĝis la 18-an de julio 1910. Esperanton li ellernis en aŭgusto 1930 kaj ekaktivis en proleta Esperanto-Movado, kaj ekde tiam li estis komunisto. Li estas honora membro de UEA. "Tempo" ricevis la permeson publikigi lian detalan biografion el lia propra plumo.



# KURISU KEI

Mi nome fariĝis esperantisto ĝuste pro tio, ke mi estis komunisto, kaj paradokse, poste mi ĉesis esti komunisto ĝuste pro tio, ke mi estis esperantisto.

Post entute 7-monata aresteja vivo pro mia komunista aktiveco ĉefe per Esperanto en Tokio, ĉe mi ne nur recidivis ftizo, kiun mi plifrue suferis, sed mi ankaŭ nove eksuferis beriberon kaj skabuon, tiel ke mi devis portempe forlasi la prolet-esperantistan aktivecon kaj prozorgadi resaniĝon. Tiel mi neatendite ekhavis sufiĉan libertempon por okupiĝi per literatura agado. Mi komencis kontribui al komunist-tendencaj laŭleĝe aperantaj literaturaj revuoj ĉefe tradukaĵojn el Esperanto, el la rusa, kiun mi memlernis dum mi zorgadis pri resaniĝo, kaj la angla, kiun mi ellernis en mezlernejo.

Mi tamen por nelogne rearestiĝis ĉefe pro mia aktiva partopreno en la agado de "Marŝu", nova Esperanta revuo en Kobeo, lanĉita laŭ popolfronta linio, kiun Tokko, la japana serketpolico rigardis kiel kamuflitan komunistan agadon. Tiufoje mi devis sidadi en prizono preskaŭ du jarojn.

Post la liberiĝo mi devis dum kelka tempo vivi en tuberkuloza sanatorio pro refoja recidivo de ftizo. Poste, laborante en Tokio, mi daŭrigis mian traduklaboron. Mi tradukis por infanrevuo romanon "La dekopo de Afke" el ĝia anglalingva traduko "Afke's ten" de nederlanda verkistino Nynke van Hichtum. Ĝi estis serie publikigita en tiu infanrevuo, sed ĝia seria publikigo devis interrompiĝi, ĉar mi estis denove arestita kaj eskortita en Osakon pro suspekto, ke mi partoprenis tie en la kontraŭleĝa agado por restarigi la kompartion, kies centrno en Tokio Tokkô detruis. Tio montriĝis ne vera, sed malgraŭ tio Tokkô min tenadis en polica arestejo eĉ dum ok monatoj.

Post la milito mi laboris i.a. kiel redaktoro de literatura monatrevuo "Tôzai" (Oriento kaj Okcidento), por kiu mi japanigis novelon "La ruĝa kaptuko" de Andrij Holovko kaj romanon "Fata morgana" de Miĥajlo Kocjubinskij, ambaŭ ukrainaj verkistoj, el iliaj Esperantaj tradukoj. La seria publikigo de "Fata morgana" tamen devis interrompiĝi tiufoje ne pro mia arestiĝo, ĉar jam estis post la milito kaj plu ne ekzistis Tokkô, sed simple pro tio, ke la revuo ĉesis aperadi pro financa kialo.

Intertempe mi komencis korespondadi kun Imrich Zálupský, redaktoro de slovaka taggazeto "Práca" (Laboro), laŭ rekomendo de Zhan Hongfan, ĉina esperantisto konata laŭ sia pseŭdonimo Honfan, kiu jam korespondadis kun li. Zálupský slovakigis el miaj Esperantaj tradukoj kelkajn noveletojn el la antaŭmilita japana literaturo proleta kaj publikigis en "Práca". Miaj Esperantaj tradukoj de tiuj noveletoj estis poste publikigitaj en "Literatura Mondo". Per tio mi debutis kiel literartura Esperanto-tradukisto, sed tiun karieron mi ne povis plu teni pro tiama politika situacio en Japanio. Nome Japana kompartio, kiun mi forlasis jam en 1951, ne nur malhelpadis publikigon de miaj tradukaĵoj, precipe tiun de "Riporto skribita en la pendumila maŝo" de Julius Fučík, eĉ ĝin malebligis, sed ankaŭ aranĝis, ke oni forpelu min el granda eldonejo, kie mi laboris kiel portempa dungito. Tiel senigita je ebleco perlabori, mi ne sciis kion fari, ĝisfine tamen mi decidis ellerni la ĉeĥan, por ke fine mi povu fariĝi tradukisto el la ĉeĥa literaturo, unika tiam en Japanio, ĉar tiam ankoraŭ neniu el la literaturaj tradukistoj japanaj scipovis ĉeĥe, malgraŭ ke la ĉeĥa laiteraturo jam estis sufiĉe populara inter la japanaj legantoj pro japanigo de tiel mondfamaj verkoj kiel la romano de Jaroslav Hašek "Aventuroj de bona soldato Švejk" kaj la fabeloj de Karel Čapek, kvankam la unua estis farita el la germana traduko kaj la dua el la angla.

Feliĉe evidentiĝis, ke mia decido estis ĝusta, ĉar en 1956 Iwanami, prestiĝa eldonejo en Tokio, invitis min japanigi por ĝia porinfana libroserio romanon "Avineto", la ĉefverkon de Božena Němcová. Tre bonŝance mi jam havis ĉe mi ĝian Esperantan tradukon prizorgitan de Ota Ginz. Mi do povis ĉe tiu traduklaboro konstante konsulti tiun esperantan tradukon, japanigante ĝin rekte el la ĉeĥa originalo.

La ĉeĥoslovaka kulturministerio alte taksis mian traduklaboron, ĉar temis pri ĉefverko de la ĉeĥa literaturo, kiun ĉiu ĉeĥo amas, des pli ke mian japanan tradukon eldonis tre prestiĝa eldonejo kiel Iwanami, tiel ke ĝi invitis min siakoste al Ĉeĥoslovakio, por ke mi instruu la japanan en prestiĝa Karel-Universitato en Prago kaj ke mi samtempe plu studu surloke la lingvon kaj literaturon ĉeĥajn. Tio tre utilis ankaŭ al mi, ĉar mi povis ne nur perfektiĝi en ili sed ankaŭ bone ekkoni surloke "socialismon" en praktiko.

Tuj post reveno hejmen en Japanion en 1961 el preskaŭ du-jara restado en Prago, mi japanigis la ampleksan romanon "Švejk", kio firmigis mian reputacion kiel profesia tradukisto precipe el la ĉeĥa literaturo. Mi plue japanigis el la ĉeĥa la romanon "Milito kontraŭ Salamandroj", dramojn "R.U.R." kaj "La blanka malsano" de Karel Čapek, romanon "Kvaranteno" de Olga Scheinpflugová, la edzino de Karel Čapek, kiu estis ne nur aktorino sed ankaŭ verkistino, romanon "Vivo kun stelo" de Jiří Weil, kaj novelojn "Mallumo ne havas ombron", "Preĝo de Kateřina Hotovitzová" kaj "Riporto skribita en la pendumila maŝo" kaj el la slovaka "Malfruiĝintaj riportoj", romanon "Morto nomiĝas Engelchen", riporton "La sepa nokto" de Ladislav Mňačko kaj novelaron de Alfons Bednár.

Pli frue mi japanigis novelaron "Muta barikado" de Jan Drda, ĉeĥa verkisto, el ĝia Esperanta traduko. Krom tio mi japanigis el Esperanto la monumentan verkon de Ulrich Lins "La danĝera lingvo", kiun eldonis Iwanami, supre menciita prestiĝa eldonejo en Tokio, eĉ en eldonkvanto de dek mil ekzempleroj. El Esperanto mi japanigis verkon de Tibor Sekelj "Tempesto super Akonkagvo" kune kun mia filo.

En 1955 mi ricevis la unuan premion en la branĉo "Eseo" de la Belartaj Konkursoj per mia eseo "Kiel Esperanto helpis al mi solvi enigmojn de Riporto". Okaze de la 81-a UK en Prago eldoniĝis ĉe KAVA-PECH la ĉeĥa traduko de mia eseo ("Kion donis al mi la ĉeĥa literaturo"), kiun mi verkis en Esperanto laŭ ĝia mendo.

Kaj en 1998 mi debutis kiel japanlingva verkisto per mia ampleksa eseo-rakonto "Eĉ se sur miaj montoj jam neniam neĝos" publikigita en la februara n-ro de "Sintyo" (Novtajdo), unu el la prestiĝaj literaturaj monatrevuoj. Tiun titolon mi prenis el la letero, kiun Julius Fučík kaŝe skribis la 28-an de marto 1943 en la ĉelo 267 de la prizono Pankrác en Prago por sia edzino Gusta, kiu troviĝis en alia prizono de Prago, helpate de ĉeĥa gardisto Kolinský, kiu donis al li paperon kaj krajonon. Gusta povis ricevi ĝin nur post la milito, kiam ŝi revenis en Pragon liberigite de la koncetrejo Ravensbrück en Germanio. Tiam ŝia edzo ne plu vivis, ĉar la nazioj ekzekutis lin en Berlino la 8-an de septembro 1943. Do, ankaŭ tiu eseo-rakonto temis pri la sorto de "Riporto skribita en la pendumila maŝo". La Societo Julius Fučík en Prago taksis miajn laborojn por popularigi la ĉefverkon de Fučík tiom alte, ke ĝi min faris sia honora membro. Mi estas honora membro de ankoraŭ du organizoj ĉeĥaj, nome de la Ĉeĥa-Japana Asocio kaj de la Ĉeĥa Esperanto-Asocio.

# NOVAĴOJ EL NIAJ SOCIETOJ

## OSIJEK




La 6-an de oktobro 2003 Esperanto-Societo *Liberiga Stelo* en Club Galerija en Osijek publike prezentis kroatlingvan verkon de Davor Klobučar *Esperantski mozaik*. Pri la impona fortike bindita 318-paĝa libro parolis preofesoroj Tihomir Živić de Pedagogia fakultato en Osijek kaj Franjo Gruić. Davor Klobučar kunlabore kun Josip Pleadin mem financis la eldonon de la informriĉa verko pri Esperanto en la kroata, efektivigante ties duan eldonon por la nacilingva publiko.

Esperanto-Societo *Liberiga Stelo* eldonis kunlabore kun Matica hrvatska verkon *Haltigitaj memoroj* de Zvonimir Tucak, kiun esperantigis Marko Petrović (mortis en 1999). Jen bela ekzemplo kiel trakti valoraĵojn el postlasaĵoj de esperantistoj.

## ZAGREB: KROATA KARAVANO AL GOTENBURGO

Post plurjara paŭzo kroatoj denove havis sian propran karavanon ĉe Universala Kongreso. Organizis ĝin por KEL Faruk Islamović kun helpo de David Rey. Jen la foto de Davor Grgat dum la ekskursa tago en Oslo, kiam kroataj karavananoj pozis en ĉemizoj de la asekurkompanio Merkur, kiu estis la sponsoro de la vojaĝo. La karavananoj krome vizitis Oldenburg, Kopenhagon kaj revene hejmen Berlinon kaj Pragon. la dumkongresaj ekskursoj gvidis al kastelo Gunebo, Lund kaj kanaloj de provinclando Dalsland. Dankon al Faruk pro la unika sperto en kiu ĝuis kroataj esperantistoj en la aĝo de 16 ĝis 76 el Zagreb, Rijeka, Dugi Rat, Opatija, Đurđevac, Vrboska, Mali Lošinj, Vrbovec, Makarska.



# KFEA

Kroata Fervojista Esperantista Asocio havis sian pintan aranĝon - la 55-an kongreson de Internacia Fervojista Asocio en Dresden inter la 10-a kaj 16-a de majo 2003. Inter 300 partoprenantoj troviĝis ankaŭ 5 membroj de KFEA. Marica Brletić, sekretario de IFEF prezentis la jarraporton. Aro da interesaj fakaj prelegoj, artaj aranĝoj kaj ekskursoj plenigis la buntan programon. La gastiganto de la venontjara IFEF-kongreso estos la hungara urbo Sopron. En 2004 al la hungaroj la kongreson helpos organizi aŭstroj.

*(laŭ Zlatko Hinšt)*



# EŬROPA LINGVOTAGO

La 26-an de septembro 2003 zagrebanoj festis la Eŭropan lingvotagon. La programon komune kreis lernantoj de Klasika gimnazio kaj Elementa lernejo "Mladost", gvidataj de profesorinoj Ariana Stepinac, Alica Stepinac kaj Marija Jerković. La bunteco de la eŭropaj lingvoj kaj ilia ligiteco al la latina lingvo estis prezentitaj de la Esperanto-grupo el lernejo "Mladost". Jen la poemo verkita de la lernantoj por la Eŭropa lingvotago.

***La koloroj de Eŭropo***

*La ruĝa koloro estas por ĝojo*
*La verda por arbaro*
*La flava por suno*
*Kaj la blua por maro.*

*La nigra koloro estas por milito*
*La blanka por paco kaj libereco*
*Kaj ni ĉiuj estas ĉi tie -*
*Por amikeco.*

# VERKISTO MIRO GAVRAN ELDONITA EN TEHERANO PER ESPERANTA TRADUKO

Esperanto-Societo "Bude Borjan" komencis sian sezonon la 5-an de novembro 2003 en la novaj ejoj en Kneza Mislava 11. En la programo gastis speciala invitito: verkisto Miro Gavran gastis ĉe esperantistoj ĉar en Teherano aperis lia dramo "Amo de Georgo Washington" en la persa traduko de Achtar Etemadi. La verkisto en ĉeesto de kroata televido ricevis la aŭtoran ekzempleron de la verko, kiu atingis persan tradukon dank' al Esperanta traduko de Klaus Dahmann. La dramo aperis en Esperanto en "Antologio de kroataj unuaktaj dramoj" (1997). En Teherano eldonis ĝin sezona revuo "Az Namayesh (El Teatro), kiu laŭ la islama kalendaro aperis en la jaro 1382, t.e. 2003. Gazeto "Večernji list" kaj Hrvatski radio raportis pri la evento en kiu Esperanto peris al la persa.



# INTERNACIA GEEDZIĜO

Ni kore gratulas okaze de la internacia geedziĝo per Esperanto. Tajana Kovačević el Zagrebo kaj Zoran Ćirić el Niš geedziĝis la 28-an de junio 2003. La juna paro vivas en Niš, en Serbio kaj Montenegro.

# ZAGREBA METODO EN LA RUSA

Ĉe "Sezonoj" en Kaliningrad en Rusio aperis la rusa adapto de la zagreba lernolibro konata kiel "Zagreba Metodo". la iibron adaptis por rusaj lernantoj Aleksandar Korĵenkov. La titolpaĝon por la lernilo kreis Larisa Jakovleva. La lernilo havas desegnaĵojn de Teodora Kučinac.

Tio estas la trideka eldono de la lernolibro kiun en 1978 lanĉis la zagreba grupo de kunlaborantoj laŭ la iniciato de Zlatko Tišljar (la kunaŭtoroj de la lernilo estas Roger Imbert, Ivica Špoljarec kaj Spomenka Štimec). En Zagrebo aperis germana, angla, slovena kaj franca adaptoj de la lernolibro. La itala aperis en Milano, la hungara en Varpalota, la malta en La Valetta, la makedona en Skopje, la kataluna en Sabadell, la finna en Turku, la bulgara en Sofio, la pola en Bielsko-Biala kaj la rumana en Cluj-Napoca.

En Hamburgo aperis la unua germana eldono de la lernolibro, en Graz estis presita la dua germana eldono. En Maribor ĉe Interkulturo aperis la dua slovena eldono, la nederlanda, la tria germana kaj la Esperanta eldonoj.

Tri eldonoj de la verko aperis en Azio: en Seulo aperis du eldonoj de la korea lernolibro kaj en Jokohama aperis la japana eldono.

En Brazilo aperis la portugala eldono.

La lernolibron akompanas bildstrio "Kiu estas Jozefo" de Johan Valano, kies kanzonoj aperis sur kaseto akompananta la eldonon.




Aldona lernolibro "Esperanto ne estas nur lingvo" de Spomenka Štimec estis kvar fojojn represita en Kroatio, kaj ĝi havis ankaŭ ĉinan adapton de Harpin en Interna Mongolio.

*S. Štimec*

# FORLASIS NIN MARIA MIRKOVIĆ

La 25-an de majo 2003. endormiĝis porĉiame en sia 81-a jaro s-anino Maria Mirković el Pula. Ŝi apartenis al la malnova generacio de istriaj esperantistoj. Esperantnon ŝi eklernis en 1954 helpe kaj instige de d-ro Ivo Gropuzzo, advokato en Pula, kies tuta kvinmembra familio fervore aktivis en la Esperanta Movado.

Maria Mirković apartenis unue al la Esperanto-Societo "A. Š. Turković" en Rijeka, kaj poste ŝi dum pluraj jaroj aktivis en "La Adriatika Stelo" en Pula. Ŝi partoprenis ankaŭ kelkajn naciajn kaj Universalajn kongresojn. La elstara angla Esperanta poetino Marjorie Boulton estis ŝia plurjara kaj plej kara plumamikino.

Maria Mirković naskiĝis la 15-an de januaro 1922 en Vodnjan (Istrio), kaj fininte gimnazion kaj porinstruistan ekzamenon ŝi laboris kiel bankoficistino en Pazin, Rijeka kaj

# VORTARO KUN 10000 VORTOJ BALDAŬ REPRESOTA

Esperanto-kroata kaj kroata-Esperanta vortaro nomata "10000 vortoj" de aŭtoroj Gruić, Kocian, Pleadin, baldaŭ estos denove aĉetebla. Presas ĝin Grafokom en Đurđevac kaj kuneldonantoj estas Kroata Esperanto-Ligo, Esperanto-Societo "Liberiga Stelo" el Osijek kaj Esperanto-Societo Rijeka. La eldonkvanto estos 1000 ekzempleroj.

GRUIĆ • KOCIAN • PLEADIN • ŠIMUNIĆ

ESPERANTA - KROATA
kaj
KROATA - ESPERANTA

V O R T A R O

10.000 VORTOJ

ESPERANTSKO - HRVATSKI
i
HRVATSKO - ESPERANTSKI

R J E Č N I K



## NI FUNEBRAS

**GORDANA ŠTRLJIĆ** (Radoš), membro de Esperanto-Societo "Bude Borjan" kaj bibliotekisto de Kroata Fervojista Esperanto-Asocio mortis en Zagrebo la 22-an de julio 2003. De post la jaro 1955 kiam ŝi lernis Esperanton, ŝi fidelis al Esperanto.

En Osijek forpasis nia malnova membro **KOVINKA NIKŠIĆ** kaj en Zagrebo ŝia kuzo **ANTE MATIĆ**. Tiel informis nin la koncernaj poŝtoficejoj.



*Zdenka Novljan*

**ZDENKA NOVLJAN** (1919) mortis en Zagrebo la 10-an de novembro 2003 kaj estas enterigita en Istrio kie ŝi (en Boljun) naskiĝis. Lernis Esperanton sub la influo de sia onklo, elstara pioniro de Esperanto en Kroatio Fran Novljan. Sindona plurjara membro kaj komitatano de Esperanto-Societo "Bude Borjan". Membro de UEA. Ŝiaj originale en Esperanto verkitaj poemoj aperis en "Jubilea versgirlando" (1990).

Pula. Krom la gepatra itala lingvo, ŝi flue parolis la kroatan, germanan kaj Esperanton. Dum la lastaj jaroj kiam ŝia sanstato malpliboniĝis, mi vizitadis ŝin kaj povis konstati ke ŝi daŭre legas Esperantajn librojn kaj revuojn. Dum tiuj renkontiĝoj en ŝia hejmo ni ĉiam interparolis nur en Esperanto. Tiu kara, modesta kaj silentema, sed tre kapabla kaj laborema esperantistino vivos daŭre en niaj koro kaj memoro.

*Ivo Borovečki*


ĆAN STRAVE
KOMEDIJA
CARLO GOLDONI
GRUBIJANI
95 jarojn de Esperanto en Zagrebo
6-a Kongreso de kroataj esperantistoj
2003.